# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

36a jaro septembro-oktobro 1984 N-ro 5

Fervojaj prospektoj, tute aŭ parte en Esperanto, eldonitaj de fervojaj kompanioj. Unu el la rezultoj de la laboro de IFEF-anoj.

## REDAKTORA BABILO

Se vi legas ĉi tiun revuon aŭ almenaŭ iom rigardas ĝin, vi supozeble rimarkas, ke ŝanĝiĝis la aspekto kompare al la antaŭaj IF-oj.

Kaj espereble al pli bona kaj pli taŭga por la legantaj okuloj.

La kaŭzo: nova tajpilo.

Kun malavara monhelpo, ĉu prunte, ĉu donaĉe, i a de pluraj landaj asocioj, IFEF sukcesis aĉeti novan tajpilon: Olivetti ET 115. Ĝi estas pli granda, pli fortika, kaj ankaŭ pli avancita ol la antaŭa. **Pli dikajn literojn** kaj ankaŭ negativajn literojn ĝi kapablas produkti. Cetere, post ioma tempo, kiam la redaktoro eble lernos doni la ĝustajn preskribojn, ĝi helpos al la tajpistino per sia kapablo mem produkti rektan dekstran marĝenon de la linioj.

IFEF vere dankas al la helpintoj, kiuj senhezite agis.

La malfruiĝon de la nuna numero de IF kaŭzis

la red.

## SENSACIA LETERO EL ĈINIO

**Cu ĝermo de ĉina landa asocio de IFEF?**

Wuhan, la-5 de septembro, 1984

Estima Redaktoro

Saluton!

Nun, mi raportas komunikaĵon al Vi jene:

la-31 de aŭgusto 1984 fonditis "Uhan Fervoja Esperanto-Grupo" en Uhan, Ĉinio.

(Uhan = Wuhan)

Unu el individuaj membroj de IFEF, s-ro Ouyang Xiang Heng estas ĉefo de "Uhan Fervoja Esperanto-Grupo".

Grupa adreso: Hubei Shui Ni Zhi Pin Chang
Wuhan P.R. Ĉinio

dankon!

Via Ĉinia kolego
Ouyang Xiang Heng


## INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

**Sekretariejo:** Otto Rösemann, Ringstrasse 14 D, D-3067 Lindhorst
**Redaktoro:** E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved
**Poŝtĉekkonto:** 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev
**Dana bankkonto:** 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 dkr por bankelspezoj)
**Svisa bankkonto:** 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn
**Svisa poŝtĉekkonto:** CH 85-4110 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev




# 37a IFEF-kongreso 17a-23a de majo 1985

# Vejle Danlando

Laŭ komuna invito de la kvar nordiaj landaj asocioj de IFEF - DEFA, ESFF, NEFA kaj SEFA - kaj unuanima konsento de la komitato de IFEF, la 37a kongreso de Internacia Fervojista Esperantista-Federacio okazos en la dana urbo VEJLE de vendredo la 17an ĝis ĵaŭdo la 23an de majo 1985.

Loka Kongresa Komitato kun partopreno de ĉiuj 4 landoj sub gvido de DEFA-prezidanto Henning Hauge jam dum pli ol unu jaro laboras pri la preparoj. Fakte la unuaj realaj intertraktoj okazis dum la IFEF-kongreso en Ostendo.

Kongresejo estos la Domo de la Sporto (Idrættens Hus), kie estos je nia dispono diversaj kunvensalonoj kaj grandega halo por la inaŭguro, balo kaj grandaj vesperaranĝoj.

La kongresejo situas en distanco de la stacidomo je 10-15 minuta promeno, kaj inter tiuj du punktoj situas la malnova parto de la ĉarma urbeto (ĉ 50.000 enloĝantoj) kaj la plej multaj el la hoteloj, en kiuj loĝu la kongresanoj.

"Ekde malnova tempo Vejle estas laŭdata pro sia naturbeleca situo ĉe arbaro kaj strando. La blua fjordo, la profundaj valoj kaj la grandaj arbaroj restas netuŝitaj tra jarcentoj.

Vejle estas hodiaŭ aktiva kaj vivanta industri- kaj komercurbo kaj havas eksporton al la tuta mondo de ekz lardo, boltoj, maĉgumo, teksaĵoj ktp. Rondirante en Vejle oni rimarkas la kurbajn kaj ofte tre krutajn stratojn, kiuj donas al la urbo ĉarman karakteron. Pro tio Vejle estas nomata "la montarurbo de Danlando"."

Tiel komenciĝas la turisma prospekto, kiun eldonis en Esperanto la urbo okaze de la IFEF-kongreso. Mendu ĝin ĉe la Turistoficejo, Rådhustorvet, DK-7100 Vejle.

Kongreskotizo ĝis 31.1.1985 estas por IFEF-membro 300 danajn kronojn (DKK), por familiano 150 DKK. Ne IFEF-membro devas pagi 360 DKK.

Tri ekskursoj estas antaŭviditaj:
- duontaga al LEGOLAND, mondfama allogo por infanoj kaj plenaĝuloj, konstruita el pli ol 25.000.000 de la famaj plastbloketoj (prezo 60 DKK),
- tuttaga per aŭtobuso tra suda Danlando, en FRGermanion kaj ŝipe returnen (prezo 150 DKK, kio inkludas surŝipan lunĉon),
- duontaga al malnova urbo Ribe, espereble per trajno (prezo 60 DKK).

La marko supre maldekstre donas nur malbonan impreson pri la bela insigno de la kongreso. La arkoj estas ruĝa, blua, blanka kaj flava, kiuj koloroj simbolas la flagojn de la nordiaj landoj. La stelo estas verda kaj la teksto blua.

Kontraŭ la ege modesta pago de 5 DKK oni povas akiri folion de 24 memgluantaj markoj ĉe LKK, uzante ties poŝtĝirokonton 4 38 05 76 aŭ pagante alimaniere.

Konstanta adreso de LKK:
37a IFEF-kongreso, Banegårdspladsen 14/1, DK-9700 Brønderslev.

Bonvenon al ĉarma urbo Vejle en primavere verda Nordio majo 1985!



## FAKPRELEGA KOMISIONO

povas konstati daŭre grandiĝantan intereson por la faka enhavo en niaj kongresoj. Tia situacio kompreneble estas tre ĝojiga kaj ĉiel apogenda. FK klopodas eĉ pli evoluigi tiun sintenon per novaj ideoj, prezentadoj ktp. Jam komenciĝis la preparlaboroj por la venontjara kongreso en Vejle, kaj ĉar estas 4 gastigantaj landoj (Nordio), la okazigo povas enteni novajn, fakajn ideojn. Dirindas, ke en la plano estos ĉef-fakprelego, kies enhavo tre aktualas internacie. Temas pri eksterordinaraj transportoj, kiuj (laŭ UIC-konvencio) grandnombre troviĝas en la ĉiutaga trafiko.

Dua fakkunveno estos: Aktualaĵoj el via lando. En la 2-3 pasintaj kongresoj kelkaj landoj kontribuis konstante kaj plenumis strikte la dezirojn de FK, nome 1) la prezentadtempo estu ne pli ol 8-10 minutojn, 2) prefere plej malfrue la 31-an de marto anoncu la partoprenon kaj volonte kun alsendo de manuskriptkopio. Tiel pli varia kaj enhavoriĉa kunveno estos planebla. Aldonindas: Elektu ion aktualan kaj eventuale apogi per diapozitivoj/presaĵoj/aŭ per alia ideo. Sed memoru, ke je dispono estos absolute nur 8-10 minutoj. FK petas, ke la landaj organizaĵoj iniciatas partoprenigi kongresanon.

Trian fakan kunvenon prezentos la gastigantaj landoj. En Nordio la trafika evoluo kaj kunlaboro multmaniere progresas, kaj kunveno kun tiuj aktualaj temoj estos natura prezentado.

Ĉiu fakkunveno daŭros ĉ unu horon.

FK-kunsido ankaŭ laŭregule okazos, kaj tie estos la ĝusta loko por diskuti, konsili aŭ proponi ion novan. Samtempe eblas ekhavi informojn pri la 38a kaj 39a.

Entute FK antaŭvidas fake riĉan kongreson, kaj invitas vin partopreni: G. Thuesen (gvidanto), G. Ritterspach (sekretario). FK.

La redakcio deziras aldoni sian konsenton pri la graveco de fakprelegoj kaj fakaj artikoloj, ĉar legu jenajn vortojn de d-ro István Bácskai en "Hungara Fervojista Mondo": "Daŭra problemo estas en nia internacia faka kontakto, ke ni ne sukcesas kontentige utiligi la spertojn reciproke. Sendube eminentaj fakuloj laboras en niaj organizaĵoj, sed nur supraĵe ni informiĝas pri la atingitaj rezultoj, kaj ne sufiĉe ni klopodas transpreni ilin. Nur la terminara laboro montras escepton malgraŭ tio, ke ĝi povus esti modelo".

## 26A INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO SKISEMAJNO

La 26a I.F.E.S. estos organizita fare de Franca Fervojista Esperanto Asocio en MORZINE, de la 16a ĝis la 23a de marto 1985.

MORZINE situas en la nordaj francaj Alpoj, inter Genevo kaj Chamonix, je altecoj 1000/2340 metroj.

La restadejo, kiu jam gastigis nin antaŭ kelkaj jaroj, disponigas 78 lokojn en 27 dulitaj kaj 8 trilitaj ĉambroj.

La prezo por sep-taga restado estas 1100 FF inkluzive trinkaĵo kaj servmono.

Aliĝiloj estas haveblaj ĉe la asocia sidejo: AFCE 1bis, rue d'Athènes, F-75009 PARIS, aŭ ĉe: S-ino Claude DUGUE, 8bis, avenue du Général Leclerc, F-91580 ETRECHY.

Aliĝu kiel eble plej frue!

**NB:** En la semajna programo estas la tradicia lingva konkurso. Tiujare ĝi havos formon de skeĉo-prezentado, kies celo estas paroligi la partoprenantojn en gaja etoso kaj distri la aŭskultantojn.

Jam pensu pri temo libera, kiun vi povos prezenti individue aŭ duope en skeĉo, kiu devos havi daŭron de 3 ĝis 5 minutoj.

Ne forgesu, ke partopreno en la lingva konkurso estas necesa, por eventuale gajni la IFEF-premion.

GH

# RESUMO KAJ KOMENTARIO

## PRI LA JARRAPORTOJ DE LA LANDAJ ASOCIOJ 1983

Ĝis la 15a de marto 16 el niaj landaj asocioj raportis. Post skribaj admonoj venis raportoj de ankoraŭ 2 landaj asocioj. La resumo estas bazita sur raportoj de entute 18 landoj.

La ricevitaj raportoj estis plejparte kontentige ellaboritaj.

**0. La landaj asocioj**
**0.0-0.1.**

La ĉefkomitatano ellaboras kaj elsendas liston kun la nomoj kaj la adresoj de la landaj asocioj kaj ties funkciuloj.

**0.2.**

Laŭ la raportoj la membrostato estas preskaŭ la sama kiel en 1982. Daŭre la totala membronombro de la landaj asocioj estas proksimume la duobla de la nombro de IFEF-membroj. Ŝajnas tre grave trovi kotizsistemon, kiu permesas ke ĉiuj esperantistaj fervojistoj povas esti membroj de nia asocio.

La procento de emerituloj varias inter 10 en Belgio kaj 80 en Nederlando. La mezo por IFEF totale estas proksimume 30.

**0.2.0.**

Kluboj aŭ lokaj grupoj troviĝas en proksimume 75 lokoj en la 18 landoj, kiuj respondis al tiu-ĉi demando.

**0.2.1.**

En la 7 landoj, kiuj donis informojn, troviĝas membroj en preskaŭ 180 lokoj. Tio signifas ke IFEF verŝajne havas membrojn en pli ol 500 lokoj en la mondo.

**1. Landaj organoj**
**1.0-1.6.**

En ĉiuj landoj escepte de Ĉeĥoslovakio, Finnlando, Hispanio kaj Norvegio, niaj landaj asocioj eldonas proprajn organojn en iu formo. Niaj asocioj en Danlando, Francio kaj Nederlando aperigas siajn organojn ĉiumonate (11-12 fojojn jare). La aliaj landaj organoj aperas 2 ĝis 6 fojojn jare.

La nombro de paĝoj jare varias inter 4 en Britio kaj 176 en Danlando. En 1983 la organoj entute havis 716 paĝojn. Laŭ mia opinio tio estas sufiĉe impona cifero.

Niaj landaj asocioj en Ĉeĥoslovakio, Hispanio kaj Norvegio permanente disponas inter 6 kaj 24 paĝojn jare en la revuoj de la neŭtralaj landaj esperanto-asocioj. La norvega asocio aldone disponas lokon en la dana DEFA-bulteno.

**2. Rilatoj kun fervojaj kaj aliaj instancoj**
**2.0.-2.1.2. Fervojaj instancoj FISAIC-organizaĵoj**

Nur Britio, Ĉeĥoslovakio kaj Japanio raportas ke ne ekzistas rilatoj al la fervojaj administracioj. Niaj aliaj landaj asocioj raportas pri pli aŭ malpli viglaj kontaktoj kun la fervojoj.

En sufiĉe multaj landoj la kontaktoj okazas tra la landaj FISAIC-organizaĵoj.

En entute 8 landoj niaj asocioj ricevas financan apogon aŭ rekte de la fervojo aŭ tra la FISAIC-organizaĵo. Apogon en alia formo ricevas 3 landaj asocioj.

Ĉiuj landaj asocioj, escepte de la ĉeĥoslovaka kaj la japana, sendas raportojn pri la aktivecoj al la fervoja administracio rekte aŭ tra la FISAIC-sekcio.

En Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danlando, Hungario, Italio kaj Norvegio troviĝas klarigoj en Esperanto en la oficialaj horaroj. En Belgio, Danlando, Finnlando kaj Italio IFEF-membroj havas oficojn en la landaj FISAIC-sekcioj.

**2.2-2.2.1. Sindikatoj**

Ankaŭ nun la situacio multe varias de lando al lando. En Britio, Ĉeĥoslovakio, Danlando, Finnlando, Fran-

cio, Hispanio, Japanio kaj Nederlando ne aŭ apenaŭ ekzistas rilatoj. La aliaj landaj asocioj priparolas la rilatojn kiel bonajn aŭ tre bonajn. Niaj asocioj en Hungario, FRGermanio kaj Norvegio eĉ ricevas ekonomian kaj moralan apogon de la sindikatoj. En Aŭstrio kaj Belgio la sindikatoj praktike helpas niajn asociojn.

**2.3. Aliaj fervojistaj organizaĵoj**

Kontaktoj kaj kunlaboro kun diversaj kulturaj kaj libertempaj fervojistaj organizaĵoj estas oftaj. Italio kaj Hispanio aldone mencias bonajn kontaktojn kun AEC.

**2.4. Nefervojistaj organizaĵoj**

La kontaktoj kun aliaj esperanto-organizaĵoj memkompreneble estas viglaj. Koncerne tion vidu la venontan punkton. Krom tio estas menciinda ke nia lańda asocio en Hispanio havas kontakton kun la hispana sekcio de "Amikoj de UNESKO" kaj nia asocio en Hungario mencias kunlaboron kun junul- kaj porpacaj organizaĵoj.

**3. Rilatoj kaj kunlaboro kun aliaj esperanto-organizaĵoj**

**3.0-3.2.** Ĉiuj landaj asocioj escepte de la japana, mencias bonajn kontaktojn kun la landaj asocioj de UEA. En multaj landoj niaj asocioj estas iel ligitaj al la UEA-organizaĵoj.

En 8 landoj ankaŭ estas bonaj kontaktoj kun SAT-grupoj.

Aŭstrio mencias kontaktojn kun la Esperanto-muzeo en Vieno. Francio kun la Kulturdomo en Grésillon. FRGermanio kun Germana Esperanto-Instituto kaj Svislando kun Kultura Centro Esperantista.

**4. Informado kaj varbado**

**4.0. Artikoloj en la gazetaro**

Niaj landaj asocioj instigis tre grandan nombron da artikoloj en fakaj kaj sindikataj gazetoj kaj ankaŭ en la ordinara gazetaro. Entute temas pri kelkaj centoj da artikoloj kaj mencioj. Niaj asocioj en Bulgario, Belgio, Danlando kaj FRGermanio ŝajne estis plej sukcesaj.

**4.1. Elsendo de varbmaterialo**

Preskaŭ ĉiuj landoj aktive partoprenis tian laboron. Proksimume 25.000 varbfolioj kaj broŝuroj elsendiĝis kaj pli ol 600 afiŝoj pendiĝis.

Niaj landaj asocioj en Aŭstrio, Bulgario, Danlando, FRGermanio, Hispanio kaj Svedio distribuis po pli ol 1000 broŝurojn.

**4.2. Fakprelegoj**

Dum la kongreso en Ostendo denove prezentiĝis mallongaj prelegoj pri fervojnovaĵoj. Cetere prezentiĝis pli ol 35 fakprelegoj en Britio, Bulgario, FRGermanio, Hungario, Jugoslavio kaj Norvegio. La aktiveco estis pli granda ol en 1982.

**4.3. Prezentoj en radio kaj televido**

Radio- aŭ televidprogramoj pri nia asocio aŭ nia agado okazis en Aŭstrio, Belgio, FRGermanio kaj Jugoslavio.

**4.4. Ekspozicioj**

Ekspozicioj aranĝiĝis en Kopenhago, Næstved kaj Fredericia, Danlando, en Parizo, Francio, en Frankfurto, Offenbach, Schwelm kaj Kassel, FRGermanio, en Sabadell, Hispanio, en Budapeŝto, Hungario kaj en Ljubljana, Jugoslavio. Cetere okazis ekspozicioj en lokoj en Britio, Nederlando kaj Svedio, sed la nomoj de la lokoj ne estis indikitaj.

Pli ol 7000 homoj vizitis la ekspoziciojn.

**4.5. Informado en la deĵorejoj**

13 landaj asocioj informis en la deĵorejoj per afiŝoj, murgazetoj, flugfolioj, cirkulado de gazetoj ktp.

**4.6. Aliaj varbmetodoj**

Britio kaj Ĉeĥoslovakio aperigis specialajn varbartikolojn en fervojaj kaj sindikataj revuoj. FRGermanio prizorgis klarigojn en Esperanto en Inter Rail-broŝuro de DB kaj organizis varbadon en la borso por turismo en Bonn. Norvegio havis gazetaran kurson en du sindikataj revuoj kun eldonkvanto 25.000.

**5. Kunvenoj kaj kursoj**

**5.0-5.1. Estrar- kaj membrokunvenoj**

Niaj itala, japana kaj norvega asocioj ne aranĝis estrarkunvenojn. En la aliaj landoj okazis inter 2 kaj 13 estrarkunvenoj, kiuj ĉefe pritraktis organizajn kaj financajn aferojn, varbadon, kursojn kaj aliajn aranĝojn.

Proksimume la duono de la landaj asocioj aranĝis kunvenojn por la membraro kun informado, prelegoj, instruado kaj aliaj aktivecoj.

**5.2. Kursoj**

La landaj asocioj en Aŭstrio, Britio, Bulgario, Danlando, Francio, FRGermanio, Hispanio, Hungario, Italio kaj Nederlando aranĝis totale pli ol 50 kursojn kun proksimume 250 lernantoj.

Krome niaj asocioj en Belgio, Francio, Norvegio kaj Svislando ebligis por siaj membroj partopreni korespondajn kursojn.

**5.3. Jarkunvenoj**

Ciuj landaj asocioj aranĝis jarkunvenojn. La nombro da partoprenantoj estis inter 7 kaj 125 kaj en la plej multaj ĉeestis en- kaj eksterlandaj gastoj.

La jarkunvenoj ofte estis aranĝoj en kunlaboro kun la landaj asocioj de UEA. En Danlando la aranĝo estis komuna por la landaj asocioj de UEA, SAT kaj IFEF.

Dum aŭ en konekso kun la jarkunvenoj oni ofte aranĝis ekzamenojn, prelegojn, ekskursojn kaj aliajn aktivecojn.

**5.4. Partopreno en la IFEF-kongreso en Ostendo**

El la 18 landoj, kiuj sendis raportojn, partoprenis proksimume 300 membroj en la IFEF-kongreso en Ostendo 1983.

**6. Kongresa gazetara servo Fakprelego**

**6.0.-6.2.** 12 landaj asocioj uzis la materialon de la gazetara servo. Speciale por verkado de raportoj al la fervojoj, al la FISAIC-sekcioj kaj al la sindikatoj oni utiligis la materialon, sed ankaŭ kiel fonto por artikoloj ĝi montriĝis tre utila.

La plejparto de la asocioj ne havis rimarkojn. Kelkaj priskribis ĝin kiel tre utila. Nia svisa landa asocio dezirus pli koncizan finraporton.

9 landaj asocioj sendis la tradukitan rezolucion al fervojaj instancoj, sindikatoj, kulturaj organizaĵoj aŭ/kaj al la FISAIC-sekcioj. Neniuj ricevis ian reagon.

La intereso koncerne la fakprelegon estis limigita. Nur 7 landaj asocioj iamaniere publikigis ĝin aŭ resumon de ĝi.

**7. Junularo**

**7.0-7.2.** En la 18 landoj, kiuj sendis jarraportojn, troviĝas entute iom pli ol 450 junaj membroj malpli ol 30jaraj. Plej multajn havas niaj asocioj en Bulgario, Hungario kaj Francio.

7 landaj asocioj iniciatis specialajn aktivecojn por varbi junulojn al nia movado.

**7.3. Novdungado de junaj kunlaborantoj al la fervojoj**

En Danlando la fervojo dungis 600, en Hispanio 300 kaj en Norvegio 400 novajn fervojistojn.

En Belgio, Bulgario kaj Japanio ne okazis novdungado. Svislando raportas ke ne estis eble ekhavi informojn de la fervojaj instancoj.

La aliaj landaj asocioj ne respondis. Espereble tio ne signifas ke niaj landaj asocioj ne havas intereson pri ĉi tiu afero.

**8. Terminara kaj traduka laboro**

**8.0.** Nia landa asocio en FRGermanio organizis la internacian kunlaboron pri la UIC-leksikono. Ĝi aperigis n-rojn 39-43 de Terminara Kuriero.

11 el niaj landaj asocioj raportas ke ili partoprenis la laboron en 1983.

Jugoslavio preparas eldonon de esperantotraduko de la CIM-konvencio.

En Bulgario, Ĉeĥoslovakio, FRGermanio kaj Hungario estis tradukitaj diversaj artikoloj por uzo en fervojfakaj periodaĵoj.

Mi cetere montras al la raporto de la Terminara Komisiono.

**9. Diversaĵoj**

**9.0.** La nombro de aktivecoj menciitaj sub ĉi tiu punkto bedaŭrinde estis limigitaj.

**Belgio** sukcese aranĝis la 35an IFEF-kongreson, dank' al grandega laboro de malgranda LKK.

**FRGermanio** ekhavis tutpaĝan anoncon de DB en "Esperanto". Proponas sub esperanto en la telefonlibroj enmeti la numeron de kontaktpersono.

**Hispanio** aranĝis loterion por ekhavi monrimedojn al pligrandigita aktiveco.

**Hungario** havis en 1983 15 rektajn membrojn kaj 10 fakdelegitojn de la fervojista fako al UEA. Aranĝis perfektigan kurson kun 48 partoprenantoj speciale por gvidantoj. Havis 400 abonantojn en 37 landoj al "Hungara Fervojista Mondo". Regule kunlaboris kun la urbaj kulturdomoj. Havis proprajn bibliotekojn en 6 urboj. Tre grave kontribuis koncerne la aranĝon de la UEA-kongreso en Budapeŝto.

**Italio** mencias daŭran kunlaboron kun FISAFS kaj AEC.

**10. Finaj komentarioj**

**10.0.** Koncerne la ĝeneralan situacion de Esperanto en la opaj landoj triono de la landaj asocioj parolas pri limigita kresko, triono pri stagno kaj triono ne respondas.

**10.1.** Pri la situacio por niaj landaj asocioj mem nur Belgio, Bulgario, Danlando, Francio, Nederlando kaj Hispanio iel esprimas optimismon. La preparoj por la venonta IFEF-kongreso kaŭzis grandan aktivecon en Bulgario.

Multaj landoj plendas pri manko da junuloj aŭ/kaj pri malgranda intereso inter la junuloj por niaj ideoj. Nia franca asocio raportas ke sufiĉe multaj junuloj komencis lerni Esperanton, sed nur malmultaj el ili plenumis la kursojn. Oni klopodas trovi la kialojn.

Bergen, la 5an de majo 1984

Per Engen, vicprezidanto

## "BONVOJAĜU"

Tre, tre baldaŭ venos la limdato por kontribuaĵoj al la internacia literatura konkurso pri la temo FERVOJO.

Kiel vi certe memoras - aŭ vi relegu paĝon 11 de Internacia Fervojisto n-ro 1/84 kaj paĝon 64 de IF n-ro 4/84 - la konkurso nomiĝas "Bonvojaĝu" kaj la origina limdato estas 30.9.1984.

Pro speciala favoro flanke de la juĝkomisiono prokrastiĝis la dato ĝis 31a de oktobro 1984.

Sendu do vian kontribuaĵon laŭ la regularo aperinta en IF n-ro 1/84 tiel, ke ĝi atingos ĝis la fino de oktobro la sekretariinon de la juĝkomisiono: Elfriede Kruse, Wiener Strasse 121, D-6000 Frankfurt/M 70, FR Germanio.

Bonlaboru por BONVOJAĜU!

---

## NIAJ JARKUNVENOJ

### Ĉeĥoslovakio

La 18a Konferenco de Fervojista Sekcio de ĈEA okazos la 21an - 23an de septembro 1984 en la nordbohemia urbo Jablonec n. Nisou.

El la programo estas menciinda i a: ekskurso per trajno al Kořenov, kie oni vizitos unikan dentrelan fervojlinion, posttagmezaj laborkunsido kaj diskutoj, kaj ekskurso al Liberec kun la kabloveturilo al monto Ještěd.

Informojn donas: Esperanto, pošt. přihr. 190, CS-466 21 Jablonec n Nisou.

### FR Germanio

La 28a jarkunveno de la germanaj fervojistaj esperantistoj okazos en la distrikto de Kolonjo de la 12a ĝis 14a de oktobro 1984 en la urbo MÖNCHENGLADBACH.

Aliĝoj ĉe s-ro W. Mester, W.-Merbecks-Str. 32, D-4050 Mönchengladbach 5.

# PROTOKOLO

## pri la Plenkunsido estraro/komitato en la 36a IFEF-Kongreso en Slanĉev Brjag (BG)

**Mallongigoj:** k-o = komitato, k-ano = komitatano, l.a. = landa asocio, Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, IF = Internacia Fervojisto. Por landaj nomoj estas uzitaj la aŭtomobilkodoj.

**Unua parto, 15.5.1984**

**1. Malfermo, konstato mandatoj**

Pr bonvenigas la ĉeestantojn kaj dankas la grandan nombron de partoprenantoj.

Ĉeestas 23 voĉdonrajtaj k-anoj kaj 4 observantoj.

| Lando | Komitatano | Observanto |
|---|---|---|
| Aŭstrio (A) | Leopold Patek | Margarete Gössl |
| Belgio (B) | Lucien de Sutter | |
| Britio (GB) | Frank Curtis | |
| Bulgario (BG) | Marin Marinov | |
| Ĉeĥoslovakio (CS) | Jaroslaw Kaśparec | |
| Danio (DK) | Irving Sørensen | |
| Finnlando (SF) | Nils G. Narvala | |
| Francio (F) | Denise Happi-Fosso | |
| | Jacques Gross | |
| Germanio (D) | Willi Grass | |
| | Erhard Herlitze | |
| | Werner Heimlich | |
| | Gernot Ritterspach | |
| | Heinz Schindler | |
| Hispanio (E) | Angel Gonzales | |
| Hungario (H) | István Gulyás | |
| | Janos Patay | |
| Italio (I) | D-ro Romano Bolognesi | |
| Jugoslavio (YU) | M. Maraśević | Ludoviko Sekereś |
| Nederlando (NL) | Jan Bultman | J. Labordus |
| Norvegio (N) | Ingrid Strømnæss | |
| Pollando (PL) | - | Ryszard Pralat |
| Svedio (S) | Evert Rausek | |
| Svislando (CH) | Otto Walder | |

mankas: Japanio

La ĉeestantoj starante honorigas la mortintojn de la pasinta jaro, kies nomojn Pr laŭtlegas.

**2. Ricevitaj telegramoj, leteroj k.s.**

Sk laŭtlegas la ricevitajn telegramojn kaj leterojn. Estu jen menciitaj: Gimelli (I). Krogstie (N), Dimitrov (BG). Esperanto-rondo Pardubice (CS) Wim v. Leeuwen (NL), Literatura Foiro Milano (I) Barbara Suetkova (SU), MEM (H).

**3. Informo pri gravaĵoj el la nepublika kunsido**

Pri la diversaj punktoj donos Pr informojn sub la koncerna punkto de la tagordo.

Pr atentigas la gravan eventon de IFEF: la 75-jaran jubileon. IFEF okaze de la jubileo aperigas Historio-Broŝuron. Ĉiu IFEF-membro ricevos ĝin senpage. Pr aparte dankas la kunlaborantojn de la Historio-Komisiono. Esperanto estas lingvo, kiu neniun diskriminacias. Dankon al ĉiuj, kiuj kunlaboris.

Labordus: Pr estis la ĝusta persono, kiu gvidis la Historio-Komisionon. Dankon al la komisiono pro la grava kaj ampleksa laboro.

**4. Raportoj estraraj**

4.1 sekretario

Ĉk plendas, ke en la raporto sub punkto 4.2 ne estas menciite, ke UEA-prezidanto Maertens partoprenis en la IFEF-kongreso Oostende. Korekto venos en venonta IF (aperis en IF 4/84). La raporto estis unuanime akceptita (raporton vidu IF 2/84).

4.2 redaktoro

Unuanime akceptita (raporton vidu IF 2/84).

Rd mencias la redaktoran kunvenon, estis fruktodona laboro. Rd atendas aktualajn kaj interesajn raportojn.

Ritterspach laŭdas la redaktoron pro la nova IF. Estas vere belaspekta gazeto.

4.3 kasisto

Unuanime akceptita (raporton vidu IF 2/84).

Urĝe IFEF bezonas novan kaj kapablan skribmaŝinon. Eniris jam mondonacoj. Pluaj estas bonvenaj.

**5. Protokolo Oostende**

Unuanime akceptita (raporton vidu IF 5/83).

**6. Konfirmo de la invito de 37a kongreso**

Nome de la kvar nordiaj landoj invitas LKK-vicprezidanto Sørensen al Vejle (17.-23.5.85).

**7. Raporto de la ĉefkomitatano**

Ĉk partoprenis en du estrarkunvenoj (Lüneburg -D- kaj Næstved -DK-). Li eldonis cirkuleron kun demandilo por la k-anoj kaj l.a.

Krome la ĉk korespondis multe kun la estraranoj.

Pr laŭdas la bonan kunlaboron. Kiel peranto inter estraro kaj k-o li bone plenumis la taskojn.

**8. Estrarelekto**

La elektokomisiono (L. de Sutter (B), M. Gössl (A), I. Gulyás (H) kaj J. Bultman (NL)) plenumas la elekton de la estraro. Jen la rezulto:

| | jes | ne | sindeteno |
|---|---|---|---|
| Pr = Giessner | 22 | - | 1 |
| Vp = Engen | 23 | - | - |
| Sk = Rösemann | 23 | - | - |
| Ks = Hauge | 23 | - | - |
| Rd = Olsen | 23 | - | - |

**9. Raportoj de la komisionoj kaj komisiitoj**

9.1 Terminara Komisiono

Sekereŝ mencias en sia raporto, ke en la dumkongresa kunsido de TK partoprenis 22 terminaraj kunlaborantoj el 12 landoj. La komisiono traktis ĉefe la dubajn kaj sinonimajn terminojn. Aperis 10 "Terminaraj Kurieroj". Interkongresa kunveno okazis en Parizo (17/18.3.84).

Ritterspach parolas pri la apero de la Terminaro. Dependas ankaŭ de UIC, ĉar ĝi eldonos novan. IFEF espereble povos eldoni la Terminaron okaze de la Jubilea Jaro 1987.

La raporto estas unuanime akceptita.

9.2 Fakprelega Komisiono

Ritterspach: La komisiono ĉiujare frontas la saman problemon: la tempo por prepari la fakprelegon forflugas, terminaro ne jam ekzistas. Malgraŭ tio s-ro Dolapĉiev sukcesis ĝustatempe traduki de la eminenta bulgara fervojisto verkitan prelegon, certigi la lingvan revizion kaj presigi (unuafoje) la prelegotekston. - La programero post la fakprelego "fervojaj aktualaĵoj el diversaj landoj" estas bone preparita; inter ĝi kaj la fakprelego oni montros filmon pri modernigo de la fervojtransporto en Bulgario, sinkronizita esperantlingve de s-ro Dolapĉiev, voĉe prezentita de la aktorino Belka Beleva. - La temo por la venontjara fakprelego estos la eksterordinaraj fervojtransportoj, do la transporto de objektoj kun pli granda volumeno ol permesas la ordinara ŝarĝlima profilo.

Unuanime akceptita.

9.3 Historio Komisiono

Pr: La komisiono helpe de kelkaj bonvolemuloj ĝustatempe plenumis ĉiujn taskojn, tiel ke la broŝuro povas esti prezentata en la 36a IFEF-Kongreso. La komisiono esperas, ke la broŝuro trovos la konsenton de la legantoj. Post la akcepto de kongrespropono 3 (Oostende) kaj la tombolo Oostende (daŭrigita en GEFA-jarkunveno Lüneburg) la financigo estis certigita. Tiel nun la IFEF-anoj ricevas senkostan ekzempleron. Pr dankas al la gekolegoj, kiuj akurate kunlaboris: Johanna Gössl (A), Germaine Lemonnier (F), Gianluigi Gimelli (I), Ingvard Kensing (DK), Jaap Labordus (NL), Gvozden Sredić (YU) kaj presisto Wolfgang Zietz (D).

Unuanime akceptita.

9.4 Koresponda Servo

Denise Happi-Fosso laŭtlegas la raporton de la komisiito Demissy (F). Multaj personoj petis adresojn (F = 7, D = 1, DDR = 1, E = 1, H = 5, CS = 5, PL = 1, SU = 1, Rumanio = 1).1982 eniris nur 14 leteroj. La nombro plialtiĝis dank' al la informoj en IF.

Unuanime akceptita.

9.5 Komitatano A de UEA

Gulyás (H) raportas, ke en la fervojista tago dum UK Budapest partoprenis ĉirkaŭ 60 personoj. La prelego: "Evoluo de hungara fervojo". Krome la fervojista kontaktkunveno estis vizitata de 90 personoj. Pr prelegis (vidu raporton en IF 5/83, p. 78).

Unuanime akceptita.

9.6 Komisiito Aude

Aude (F): Bedaŭrinde nur GEFA respondis, do magra rezulto. La komisiito substrekas la gravecon paroli esperantlingve dum kongresoj. Venis propono, ke kongresanoj portu libervole insignon kun litero "L" (lernanto). Tiu nek estus diskriminacio, nek devigo.

Antoŝ (CS) proponas la insignon "Amiko de Esperanto".

Barnickel (D): Ni devas toleri ĉiujn, ĉar aliaflanke le ekonomia flanko estus en danĝero, multaj ne venus (ekz. edzinoj).

Pr: Aude formulu starpunkton kaj sendu ĝin al Sk ĝis 15.9.84, poste la estraro pritraktos la temon.

**10. Resumo pri raportoj landaj asocioj**

Raportas Vp Engen. Entute raportis 18 l.a. La resumo aperos en IF.

**Dua parto, 16.5.1984**

Ĉeestas 24 k-anoj.
Por Bultman partoprenas Ląbordus (NL),
por PL partoprenas Różankowski.

**11. Kongresproponoj**

Eniris nur kongrespropono pri estrarelekto (vidu punkton 8).

**12. Laborplano**

Pr substrekas la gravan signifon de IFEF-laborplano (vidu IF 2/82, paĝoj 27-29). La laborplano havas la celon, doni la direkton de nia laboro. Tiu plano enhavas sufiĉe da instigoj.

12.1 Enketo laborkondiĉoj de fervojistoj
En IF 3/84 aperis la enketo. Pr rekomendas uzi la tabelon kiel eble plej vaste.

12.2 Diskuto pri estonta Literatura Konkurso
La sekretariino de tiu komisiono estas E. Kruse. La ĝeneralaj kondiĉoj estas konataj (v. IF 1/84, p.11). La konkurso en Regensburg (D) sukcesis.

12.3 Centjara Jubileo 1987
Pr informas la k-on pri la Kunordiga Komitato. Flanke de IFEF apartenas Pr kaj Sk al tiu komitato. Sed ĝi ne fruktedone funkcias ĝis nun. Ekzistas multe da planoj, mankas la realigo. En la broŝuro "Kiu faru kion" (eldonita de UEA) estas multaj ideoj.

**13. Resumo pri la situacio en diversaj landoj**

Ceĥoslovakio

Kaŝparec: Ni faris multe da propagando inter fervojistoj. Slovakio ĝis nun ne aliĝis. Ni informos Rd pri aranĝoj.

Pr: Ni esperas, ke post konstituiĝo de slovaka fervojista sekcio ni trovu la alstrebitan finformon en CS.

Pollando

Holz: La pola sekcio laboras nun bone kaj efike. Entute la situacio pliboniĝis. Nun la pola grupo kolektas spertojn, ĉar baldaŭ la poloj aranĝos kongreson.

Ĉinio

Pr: En Interna Mongolio oni fondis fervojistan asocion kun kiu la estraro korespondas.

Portugalio

Pr: En la venonta hispana jarkongreso oni esperas, ke la hispanaj ko-

legoj kontaktos al portugalaj fervojistoj.

**14. Budĝeto 1985 kaj kotizkonfirmo**
La budĝeto 1985 de Ks estas unuanime akceptita. Krome la k-o konfirmas la kotizon (kiel 1984).

**15. Elekto de revizoroj**
La k-o elektas jenajn revizorojn (proponitajn de DEFA): Robert Mikkelsen, Svend Hvass, Charles V. Jensen kaj kiel vicrevizorinon Inge Sørensen.

**16. Rezolucio**
Unuanime akceptita

**17. Delegoj laŭ statuto §§ 3 kaj 7 al c)**
Unuanime akceptitaj

**18. Rilatoj al aliaj organizoj**

18.1 UEA
Komitatano A (kolego Gulyàs -H-) veturos al UK en Kanado. Tie estas antaŭvidata kontaktkunveno por fervojistoj.

18.2 FISAIC
Pr: S-ro Petek, reprezentanto de jugoslavia FISAIC-sekcio, parolis nome de FISAIC-estraro en la inaŭguro. La rilatoj al FISAIC estas bonaj. Ĝiaj laborlingvoj estas la franca kaj germana, sed ankaŭ Esperanto estas allasita, se estas necese kaj interpretisto troviĝas. Ks klarigas la laboron en FISAIC, ĉar li regule partoprenas.
Ck: estas bone, se esperantistoj apartenas al la asembleo.

18.3 AEC
Pr: Tiu Eŭropa Asocio de Fervojistoj kunvenas ĉefe turiste. Ili havas kvar laborlingvojn. Oni klopodas enkonduki ankaŭ Esperanton.
S-roj Bolognesi kaj E. Kiefer klarigas la situacion.

18.4 FIRAC
Ks: En Vejle (DK) oni instalos okaze de nia IFEF-kongreso sendstacion.

**19. Venontaj kongresoj**

19.1 Elekto de lando por 1986
1986 = Jugoslavio

19.2 Diskuto de pluraj eblecoj
1987 = Pollando
1988 = Francio
1989 = Hispanio
Różankowski: Antaŭ la forveturado li ricevis la permeson de la transportministro aranĝi la kongreson en PL.

Rezulto de la voĉdonado (punktoj 19.1 kaj 19.2):
kontraŭ 3, sindeteno 3, por 17.

**20. Internacia Skisemajno 1985**
Denise Happi-Fosso invitas al Morzine (F). La skisemajno okazos komence de Marto 1985. Baldaŭ ricevos la l.a. la aliĝilojn.
Unuanime akceptita.

**21. Libera diskutado**
Kašparec (CS): Verŝajne la ĉeĥoslovaka l.a. povas inviti la IFEF-kon-

greson por 1990 al CS.

Kašparec proponas, ke oni organizas por orientaj landoj kunvenon kun sama fakprelego ktp. Pr petas, ke Kašparec formulu la proponon kaj sendu ĝin al Sk ĝis plej malfrue 15.9.1984.

Kelkaj aliaj diskutoj pritraktas venontajn aranĝojn.

Lindhorst, la 20an de Junio 1984
O. Rösemann, sekretario

## NOVAĴOJ EL BULGARIO

Okaze de mallonga restado en Sofia, la IFEF-prezidanto estis invitita la 12an de Julio ĉeesti la solenan metadon de l'fundamento por **Esperanto-domo** en la bulgara urbeto Koprivŝtica. Kun prezidanto M. Marinov kaj sekretariino A. Georgieva de la bulgara IFEF-asocio aro de honoraj gastoj renkontiĝis ĉe la loko, kie estonte staros la nova domo. Pro aŭtoakcidento kvar altrangaj personoj el Sofio ne povis ĉeesti la ceremonion. Pro tio la IFEF-prezidanto estis petita fari la unuan simbolan agon.

Ceestis i.a. s-roj Tatarliev (prez de urba estraro) kaj Jovkov (unua sekretario de la komunuma komitato de la partio), s-inoj Kerkova (Instituto por monumentoj Sofio) kaj la arĥitektino Genĉeva de la sama instituto. Du jarojn oni kalkulas por la konstruado. Tiam la esperantistoj havos trian lokon en Bulgario, kie ili povos kunveni en internacia rondo. Rimarkinda estas, ke la urbeto Koprivŝtica ne nur situas en tre alloga pejzaĝo ĉirkaŭ 120 km oriente de Sofia, atingebla eĉ per trajno, sed ankaŭ estas turista juvelo, kie estas konservitaj multaj malnovstilaj domoj.

La 13an de Julio en Sofia antaŭ malmultaj gastoj okazis la premiero de la **filmo pri la 36a IFEF-kongreso**. Dum pli ol duona horo tiu kolorfilmo prezentas multajn interesajn scenojn el la kongreso kaj tutcerte fariĝos valora kontribuaĵo al la "Jubilea jaro" de Esperanto. Espereble ĝi povos esti spektata de vasta Esperanto-publiko kaj ankaŭ povus servi kiel informilo antaŭ ne-esperantistoj.

Menciindas, ke en printempo 1984 en Sofia estas malfermita nova **Nacia muzeo** kun unikaj eksponaĵoj. Estas nepre rekomendinde, viziti tiun novan muzeon okaze de restado en Sofia.

J.G.

## VOJAĜO EN ĈINIO

Kune kun aliaj samideanoj Wim van Leeuwen kaj Elfriede Kruse vizitis Cinion en la printempo 1984. Pri tiu vizito raportas ĝenerale "El Popola Cinio" n-ro 8/1984, sed vidi Cinion per la okuloj de fervojistoj estas nepre interesa al ni. Tial ni jen havas la unuan artikolon pri tiu vizito.

Nia grupo (21 esperantistoj el 7 landoj) vojaĝis tra Cinio per aviadilo, per aŭtobuso, per trajno entute pli ol 4000 km-ojn.

Sed, unue ni vojaĝis **al** Cinio! Per Boeing 747 ("Jumbo-jet") ni vojaĝis en 22 horoj de Londono al Pekino. Ni vojaĝis komforte en tia granda aviadilo vi opinias? Nun forgesu tion kaj sciu, ke ĉiu "ordinara" IC-trajno en Eŭropo estas pli komforta ol tiu Jumbo-jet, kaj TEE aŭ TGV-trajno estas luksega!

La sidloko apartenanta al ĉiu unuopa pasaĝero en aviadilo estas tiel malgranda ke jam baldaŭ oni estas rigidaj en ĉiuj muskoloj, sed moviĝi ne estas simple: kvankam ne estas

malpermesate promeni tra la koridoroj inter la seĝoj ne ĉiam estas facile realigi tion! Imagu: ĉefenestre vico de 3 sidlokoj - mallarĝa koridoro - en la mezo 4 sidlokoj - mallarĝa koridoro - denove 3 sidlokoj flanke de la alia fenestro. Ne eblas forlasi la sidlokon (escepte de tiu ĉe la koridoro) sen ĝeni via(j)n najbaro(j)n! La koridoroj ne estas uzeblaj kiam la servo-ĉaretoj (trinkado aŭ manĝado) veturas tra ĝi (kaj tio ofte okazas!). Dum tiuj 22 horoj ni nur unufoje havis la okazon forlasi la aviadilon post 18 hora vojaĝo alveninte en Hongkong!

Tamen forlasinte la flughavenstacidomon en Pekino ni baldaŭ forgesis tiujn nekonvenaĵojn, ĉar la akcepto flanke de la lokaj esperantistoj estis grandioza kaj la emocio ambaŭflanke kortuŝa! Sed mi verkos nur pri vojaĝado!

Do ni nun vojaĝis per aŭtobuso: bonkvalita aŭtobuso kiel ĉe ni por vojaĝgrupoj, eĉ aerklimatizita. Pri kio mi nur miris estis, ke ne estis ejo por la valizoj sub la planko: niaj kofroj estis transportataj per ŝarĝaŭtomobilo al la hotelo. Nia aŭtobusvojaĝo estis pli longa ol ni povis supozi: la flughaveno estas 40 km-ojn for de la urbocentro!

Kompreneble mi estis scivola, kiel funkcias la publika trafiko en la urbo. Nun baldaŭ mi vidis la urbajn aŭtobusojn: ekzistas troleaj busoj kaj dizelbusoj, ĉiuj estas artikaj veturiloj kaj tio necesas! Pripensu ke la amaso da privataj aŭtomobiloj, kiuj ŝtopas ĉe ni la stratojn, simple ne ekzistas en la ĉinaj urboj! La personaj aŭtomobiloj, kiujn oni vidas ĉi tie, estas por parti-funkciuloj aŭ registaraj personoj; tramojn mi ne vidis, nek en Pekino nek en la sudaj urboj, kiujn ni vizitis. La milionoj da enloĝantoj en la urbo do moviĝas ĉu per la privata biciklo ĉu per la publika urba aŭtobuso. Ĉu mirege ke ĉiuj aŭtobusoj estas plenplenplenaj? Pri Pekino mi tamen devas diri ke depost kelkaj jaroj ekzistas subtera urba fervojo! Moderna metroo! Gis nun nur kelkajn kilometrojn longa, sed oni ĉiam estas konstruanta pri la plilongigo. Bedaŭrinde ni ne povis trovi tempon por fari veturon per ĝi; ni venis nur ĝis sur la kajo kaj rigardis belajn blukolorajn modernajn veturilojn; kaj ankaŭ ili jam estis plenplenaj de vojaĝantoj. Tamen la frekvenco estas de 4 minutoj dum la pint-trafikaj horoj ĝis 8 minutoj dum la maldens-trafikaj horoj. Oferti sufiĉe da (sid-)lokoj en la publikaj trafikiloj estas giganta tasko!

Parolante nur pri la trafiko kaj transporto mi ne parolas pri niaj renkontiĝoj kun samideanoj en Pekino.

Pri la (var-)transporto en la urbo mi ankoraŭ volas diri ion: krom ŝarĝaŭtomobiloj (sed ne tiom kiel ĉe ni) oni uzas por ne tro grandaj transportoj: la biciklon! Estas mirinde kiom oni povas transporti per biciklo; ĉe ni oni forgesis tion. Ekzistas triradbicikloj kaj ankaŭ oni ofte uzas simplajn remorkojn; tamen oni ofte troŝarĝas la biciklojn aŭ remorkojn pro kio ili baldaŭ paneas aŭ eĉ pereas! Parolante pri bicikloj: onidire Nederlando estas la lando de la bicikloj, sed estas neimageble kiom da bicikloj ekzistas en la urboj en Ĉinio. La biciklo-industrio certe bone floras, ĉar oni devas konstati, ke ĝenerale la bicikloj estas bonaspektaj kaj modernaj, escepte de tiuj por transportoj kiuj plejparte estas en malbona stato.

W. van Leeuwen

---

## FERVOJISTA KUNVENO

dum la 69a Universala Kongreso de Esperanto Vankuvero (Kanado) 21a-28a de julio 1984.

Dimanĉe posttagmeze okazis la fervojista kunveno. El 10 landoj ĉeestis 15 gekolegoj.

István Gulyás, komitatano de UEA por IFEF, gvidis la kunvenon kaj raportis pri la 36a IFEF-kongreso okazinta en Slanĉev Brjag (Bulgario). Li konigis la akceptitan kongresan

rezolucion kaj detale parolis pri la dumkongresaj aranĝoj. Li akcentis la gravecon de la faritaj fakprelegoj.

La kunvenon ĉeestis ankaŭ d-ro Petar Todorov, estrarano de UEA, kiu alte taksis la agadon de IFEF.

La raporton sekvis vigla diskuto kaj babilado pri la preparlaboro por la jubilea jaro kaj pri la sekvontaj IFEF-kongresoj. La ĉeestantoj esprimis sian deziron plifortigi la kontaktojn inter IFEF kaj UEA.

## KRIZO DE MONATO FINITA

### La prestiĝa magazino ne ĉesos aperi

Sendube estus granda bato ne nur por ĝiaj abonantoj sed ankaŭ por la Esperanto-movado, se MONATO internacia magazino sendependa por politiko, ekonomio kaj kulturo malaperus - ĝuste antaŭ la cent-jara jubileo de Esperanto. La unika revuo, lanĉita en 1980 de eldonejo TK/Stafeto, intertempe trovis multajn kontentajn abonantojn kaj en eksterordinara maniero pruvis, ke la internacia lingvo kaj la Esperanto-movado mult-maniere povas utili al ĝiaj sciantoj. Pro tio MONATO estas ankaŭ eksterordinare bona propagandilo por la internacia lingvo mem.

Bedaŭrinde komence de sia kvina jaro MONATO - pro diversaj kialoj - troviĝis en grava krizo kaj eldonisto T. Kehlet devis anonci, ke li ĉesigos la aperadon. Bonŝance savoprovoj estis intertempe sukcesaj, tiel ke MONATO ne mortos, kondiĉe ke ĝi ricevos pli vastan subtenon ankaŭ de la Esperanto-movado.

T. Kehlet restas respondeca eldonisto, sed la kompleta administrado transiras al Grafika Centro en Antverpeno, kiu jam antaŭe faris multajn teknikajn laborojn por la revuo. S. Maul restas ĉefredaktoro. Entute do estas garantiata, ke MONATO tenos sian profesian nivelon.

Por garantii ĝian daŭran ekziston, necesas ke ne nur laŭeble multaj individuoj abonu ĝin, sed ankaŭ ĉiu loka klubo kaj grupo, ĉar per MONATO ĝi disponas pri bonega, konvinka kaj ĉiam aktuala propagandilo. Krome ĉiu racie pensanta kurs-gvidanto dum kaj ĉefe fine de kurso forte rekomendos la magazinon al la lernantoj, ĉar per MONATO ili ne nur havas tre taŭgan materialon por perfektiĝi en Esperanto sur ĉiuj kampoj de moderna vivo, sed ankaŭ vidos ke Esperanto estas utila. Tiel oni povas vivteni intereson pri la internacia lingvo ankaŭ ĉe tiuj personoj, kiuj ne ŝatas "movadumi". MONATO estas ankaŭ tre valora helpo al vigliĝanta Esperanto-movado en triamondaj landoj; por ili ekzistas speciala Abonhelpa Fonduso, kiun povas nutri ankaŭ Esperanto-kluboj en pli riĉaj landoj.

Petu inform-materialon de

MONATO, Frankrijklei 140,
B-2000 Antwerpen, Belgio.

**ENHAVO**

Sensacia letero el Ĉinio ..... pĝ 66
37a IFEF-kongreso ........... 67
Fakprelega Komisiono + IFES .. 68
Resumo landaj asocioj 69-72
Protokolo ................ pĝ 73-77
Novaĵoj el Bulgario ....... 78
Vojaĝo en Ĉinio .......... 78
Monato ................... 80

Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos komence de septembro, estas: 10.10.1984.

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved